10-a jaro. — N-ro 3-4 (109-110) Marto-Aprilo 1924.

# Belga Esperantisto

## MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1924

10a Jaro N-20 3 4 (109-110) Marto-Aprilo 1924

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 4374

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle
Postĉeko No 399.84.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laûbezone la manuskriptojn.*

## Al niaj Abonantoj

Nuna kajero aperas kun pli ol eksterordinara prokrasto ; ni petas pro tio senkulpigon de niaj abonantoj.

La kompostaĵo estas preta de kelkaj monatoj. Malgraŭ tio ĝi ne povis esti presata pro longedaŭra striko en la presejo. Krom tio, pro la konfuzo kaj troa laboro rezultantaj el tiu situacio, kolekto da prespro-vaĵoj perdiĝis kaj kaŭzis plian perdon kaj tempoperdon.

Granda parto de la enhavo ne plu konservis sian aktualecon ; ni tamen opinias, ke ni devas publikigi la iom malnoviĝintajn tekstojn, por kompletigi la kolekton de dokumentoj pri niaj kongresoj kaj pri nia movado mem.

Malgraŭ ĉio ni povas de nun promesi regulan eliradon. Plie, dank'al nova aranĝo de nia gazeto, precipe de ĝia reklama fako, ni baldaŭ aperigos ĝin ĉiumonate. Fine, kelkaj bonaj reformoj en la kunmetado de la revuo mem estos baldaŭ konstateblaj.

Laŭ ekonomia vidpunkto ni jam de nun forlasas provizore la koloran koverton.

La Estaro de Belga Ligo Esperantista tiamaniere elĉerpis ĉiajn rimedojn de ĝi realigeblajn en la nuna momento por plibonigi kaj pli-firmigi sian oficialan organon. Kaj ĝi sin turnas denove al ĉiuj belgaj grupoj kaj unuopaj Esperantistoj kun insista peto, ke ili plenumu nun ankaŭ sian devon kontraŭ nia komuna entrepreno :

Ili abonu kaj abonigu membrojn, en- kaj eksterlandajn amikojn ;
Ili grupe aŭ persone helpu nin per sendo de bonaj tekstoj.

B. E.

# Radiofonio

## NI LABORU METODE.

Nia afero rapide progresas en la « senfadena » fako. Ni povas denove enskribi kelkajn paŝojn antaŭen.

La plej ĝojiga fakto estas, ke diversaj sendstacioj komencis aŭ daŭrigis organizi dissendojn en Esperanto.

Sed ni ne nur ĝoju; ni ankaŭ ne forgesu metode kaj senlace labori. Estas facile kompreneble, ke la radio-kompanioj ne eniris tiun vojon nur por favori nian movadon aŭ nian lingvon, aŭ por plezurigi la Esperantistaron. Klare estas, ke ili deziras scii, ĉu tiuj Esperantaj paroladoj estas aŭskultataj de multaj personoj, kaj precipe ĉu en plej diversaj lingvaj teritorioj.

El tio rezultas do la devo por ĉiuj Esperantistoj, kiuj sentas kun ni la bezonon enkonduki nian lingvon en la Radiofonian kampon, fari la necesajn aranĝojn por aŭskulti la cititajn paroladojn kaj mallonge raporti al la sendintaj kompanioj pri akirita rezultato.

Ni ne sufiĉe povas insisti pri tio. Estas ja la ununura maniero per kiu la amaso da Esperantistoj havas la okazon, pruvi al la kompanioj, kiujn kelkaj energiaj samideanoj sukcesis varbi por Esperanto, ke nia movado vere ekzistas kaj meritas la atenton, kiun ili dediĉas al ĝi. Tiu estas simpla devo de reciprokeco: se la radiofonio povas helpi nian aferon, ni estas devigataj subteni la aplikadon de la Radioscienco!

Cetere, se iam sin prezentis laborkampo sur kiu la Esperantistaro povas pruvi la utilon de sia lingvo kaj okazo por konkretigi la necesecon de Esperanto, estas certe la popularigo de la Radiofonio: de kiom da jaroj ni ja diras kaj skribas, ke la homo bezonas internacian komprenilon, ĉar la modernaj veturmetodoj transportas lin en la daŭro de unu tago tra du, tri kaj pli multe da landoj kun diversaj lingvoj?

Kial de nun ni ne plej funde prilaborus energie la argumenton, ke pro la nova scienco ne plu estas necese sin transportigi en alian landon, eĉ ne transpasi la sojlon de sia pordo por koni la malfacilaĵon de la lingva diverseco? Ĉu nun efektive tiu malfacilaĵo ne eniras en nian hejmon : ĉu nun ĝi ne venas renkonte al ni..... anstataŭ ni al ĝi?

Ni do esperas, ke ĉiu Esperantisto en la mondo konscios, ke nun estas tempo liveri personan klopodon por varbi al nia internacia afero la tutmondan aŭskultantaron de radio-prezentadoj, agante laŭ ĉisupra admono, kaj tiel subtenanta kiel eble plej bone la laboradon de nia ĵus fondita « Internacia Radio-Asocio », kiu prenis sur sin la taskon esti la oficiala ligilo inter la Esperantistaro kaj la Radio-organizaĵoj en la tuta mondo.

Simpatia saluto kaj sincera helpopromeso de ĉiu Esperantista ligo, societo kaj grupo, kaj de ĉiu unuopa samideano, iru al tiu nova Asocio kaj ĉefe al niaj spertaj laj lertaj pioniroj D-ro Pierre Corret, el Parizo, kaj H. A. Epton, el Londono, kiuj akceptis la premegan funkcion konduki ĝin tra la nova sulko, kiu sin prezentas al nia agado.

F. S.

## RADIOPAROLADOJ EN ESPERANTO

— La 18an de marto D-ro Privat paroladis pri mondlingvo kaj Radio el la stacio de Genève (OL 1100 m.);

— la 31-an de marto la sama oratoro parolis pri la programo de la Aprila konferenco en Genève;

— la 5-an de Aprilo, S-ro Sayers aŭdigis sin de la stacio « Wor » en Newark : li parolis angle pri Esperanto kaj finis per Esperanta alvoko al la tuta mondo ;

— la 7an de Aprilo, la stacio de l'supera lernejo de P. T. T. dissendis paroladon de D-ro Pierre Corret pri la transatlantikaj radio-eksperimentoj kaj pri la lernado de la komuna Radio-lingvo Esperanto;

— la 23an de Aprilo okazis en la Londono stacio (LO 365 m.) kaj el ĉiuj britaj stacioj samtempe Radiofonado en Esperanto de la parolo kiun la Reĝo de Britujo eldiris tiun saman tagon je la melferma soleno de la Brita Ekspozicio de Wembley.

Krom tio funkcias ĉiun mardon, de post Aprilo, de la stacio Victoria (Kanado), Esperantan servon per la voĉo de F-ino Alice Vicks, kaj de la 9a de Aprilo, ĉiun merkredon, el Genève je 13 h. 15 okazas Esperanta kurso en franca lingvo.

Plie ni ricevas sciigon pri jenaj okazontaj prezentadoj :

— la 1-an de Majo de la 7a ĝis la 11a h. el la stacio W. I. P. Gimpel Fratoj, Philadelphia (U. S. A.): salutoj kaj koncerto en Esperanto kaj en angla lingvo;

— la 3-an de Majo, noktomeze, parolos el la stacio de Cleveland la loka delegito de U. E. A.

— la 7an de Majo, je 18a h. 45, el Londono (2 LO 365 m.): parolado de S-ro C. H. Edmonds, hon. sekr. de Brita Esperanta Associo, pri « Radiotelefonio nuna kaj estonta»;

— la 8-an de Junio, de la 9a ĝis 10a horo vespere: salutparoloj en Esperanto, okaze de la 2a Ĉehoslovaka Kongreso en Reichenberg, el la Germana stacio Koenigswusterhausen aŭ Elberswalde, same kiel el Londono, Parizo, Moskvo, Varsovio.

* * *

La Gazeta servo de Belga Ligo Esp. regule komunikas sciigon pri la Radiofoniaj prezentadoj en aŭ pri nia lingvo al ĉiuj (proksimume 100) gazetoj francaj kaj flandraj en Belgujo. Ĝis nun la konata rezultato pri la publikigo de tiuj komunikoj estas tre kontentiga kaj la stacioj aŭ la loka Esperantista organizaĵo estas petata informi nian gazetan servon pri ĉiuj estontaj okazaĵoj. Adreso: Kleine Hondstraat, 11, Antwerpen.

---

## INTERNACIA RADIO-ASOCIO.

El la « Unua Bulteno » de tiu Asocio ni sciiĝas, ke jam centoj da samideanoj skribis al la sekretario de la « American Radio Relay League », rekomendante ke ĝi alprenu Esperanton (vidu B. E. paĝo 25), kaj ke la rezultato de tio jam estas, ke la citita Ligo venis al kon-

kludo, ke, se ia lingvo internacia devos esti alprenata, neniu krom Esperanto taŭgus. La sekretario de I. R. A. petas, ke tiuj, kiuj ne jam skribis, faru tion senprokraste!!

Aliĝis ĝis nun al la I. R. A. personoj el Aŭstrujo, Belgujo, Britujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Italujo, Kanado, Latvujo, Nederlando, Polujo, Rumanujo, Svedujo.

La Asocio pretigas adresaron de la membroj.

La jara kotizo estas tre malalta : 1 svisa franko. Ĉiu kiu posedas Radio-aparaton aŭ almenaŭ interesiĝas pri Radio nepre aliĝu kaj varbu membrojn inter siaj amikoj, Esperantistaj aŭ ne.

Por plej bone organizi la Asocion, estas decidite, elekti en ĉiu lando nacian sekretarion, kiu prizorgos en sia lando la varbadon de membroj, Radiopropagandon, k. t. p..

Ĝis nun oficiala organo de la Asocio ne estas fondita aŭ difinita. La suprecitita bulteno ankaŭ anoncas, ke okazis en Parizo, je la 13a de Marto internacia konferenco de naciaj amatoraj Radio-societoj por diskuti la fondon de internacia organizaĵo por la Radio-amatoroj kaj ankaŭ por konsideri la elekton de internacia lingvo por tiu organizaĵo. Oni decidis la «Internacia Unio de Radio-amatoroj,» kaj oni elektis kiel prezidanton S-ron H. P. Maxim, prezidanto de la «Amer. Radio Relay League», kaj kiel sekretarion, D-ron Pierre Corret, prez. de nia Esperanta I. R. A.. Dum la diskuto la pretendoj de Esperanto estis konsiderataj, kaj estis decidite, ke oni aranĝos internacian kongreson dum venonta jaro por definitive fondi la novan Union, kaj por elekti internacian lingvon.

* * *

Fine, atingis nin la numero 1 (Aprilo 1924) de la organo «Radio-Servo» el Locarno (Svislando). Jara abono: 1 Dol. 25; 1 numero: 0,10 Dol. Grandformata 8-paĝa revuo ilustrita.

# Belga Ligo Esperantista

## XIIIa BELGA ESPERANTO-KONGRESO

**Bruĝo, 7an , 8an, 9an de junio 1924.**

Estimata Samidean(in)o,

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la estonta XIIIa Belga Esperanto-Kongreso okazos, en Bruĝo, la 7an, 8an kaj 9an de junio venonta (Pentekosto).

Bruĝo, malnova arturbo, speciale belega dum somero, estas alloga laŭ diversaj vidpunktoj. Vera kongresurbo ĝi estas : En Bruĝo Esperanto estas tre ŝatata; ne nur la Esperantistoj el la urbo, sed ankaŭ, la neesperantistoj atendas malpacience tiun gravaĵon. La distancoj estante mallongaj, ni ne perdos valoran tempon serĉante la vojon, ĉie ni vidos, ĉu interesan konstruaĵon, ĉu antikvan ponteton ĉu pentrindan vidaĵon.

Sendube, post la interesaj laboroj de la kongreso kaj la festeno, la gesamideanoj ĝuos dolĉan horon, sur la revoplenaj kanaloj, aŭdante la ravegan sonorilaran koncerton de la fama artisto, S-ro Nauwelaerts.

La organiza komitato provis prezenti programon, kiu plaĉos al ĉiuj; ĝi esperas ke ĝi baldaŭ ricevos multnombrajn aliĝojn, por ke nia XIIIa belga estu granda sukceso!

Ĉiuj do al Bruĝo ! !

Por faciligi la laboron, ni petas, ke la grupestroj kolektu la aliĝilojn de siaj gemembroj kaj ilin ope sendu al la organiza komitato, kiu **deziras ricevi tiom da aliĝiloj, kiom da aliĝoj.**

Esperante, ke ĉiu faros sian devon por sukcesigi nian ĉiujaran Ĝeneralan Kunvenon, ni prezentas al vi, estimata Samidean(in)o, la esprimon de niaj plej sinceraj sentoj.

Je l'nomo de Belga Ligo Esperantista,

La Ĝenerala Sekretario, Henri Petiau — La Prezidanto, **A. J. Witteryck**

## PROGRAMO.

**Sabaton, 7an de junio.**

En la salonegoj de «Vieux Bruges» 1a etaĝo, Ŝtonostrato, 75.

18 h. Akcepto de la kongresanoj.

20 h. Parolado de S-ro Jean Desonay. Temo: «Spa» (kun lumbildoj).

20 h. Kunveno de la Ligestraro (en aparta ĉambro).

**Dimanĉon, 8-an de junio.**

8,30 h. Kunveno «Burg placo», por viziti la «Muron de la Mortpafitoj» kie krono estos metata.

10 h. Oficiala akcepto de la kongresanoj en la Gotika Ĉambrego de la Urbdomo.

10.30 h. Ĝenerala kunsido de « Belga Ligo Esperantista » en la koncerta salonego Sta Jakobstrato, 36.

Manĝokarto : Verda Supo. — Pasteĉeto Reĝina. — Soleo «muelistino». — Rostita Bovajo. Saŭco «Bordelaise» Legomoj. Terpomoj. — Buterkrema Kuko. — 1/2 botelo de St Emilion.

16.30 h. Fotografado en la Parko Alfred Ronse (Ĝardeno de Gruuthuse).

17,30 h. Promenado sur la internaj kanaloj: Enboatigo Nova strato, 11.

18.30 19.30 h. Sonorilara koncerto, S-ro Nauwelaerts ludos «La Espero », k. t. p.

20 h. Brila vesperfesto en la Festhalo de Hôtel Halle de Paris. Arĝenta strateto, 5. Orkestro.

22.30 h. Balo, en la sama ejo. Orkestro. Malvarma bufedo.

**Lundon, 9an de junio.**

8,30 h. Kunveno apud la stacio de la vapora tramveturilo de Knocke. Nova promenejo.

8,51 h. Preciza foriro de la tramveturilo al la Haveno Interna de Bruĝo.

9,15 h. Enŝipigo en la «Pieter De Coninck» kaj veturado sur la Markanalo.
10.15 h. Alveno al Zeebrugge, vizito de la Muzeo, Moleo kaj «Ferry Boats».
12 h. Promenado al Knocke-Zoute per rezervita tramveturilo laŭlonge la marbordon.
13 h. Lunĉo en Zoute. Diversaj amuzaĵoj.
Disiĝo.
Senperaj vagonaroj de Knocke al Bruĝo, Gent kaj Bruselo.

---

## LEGU ATENTE :

Tial ke Bruĝo estas jam de nun supervizitata de fremduloj, ni varmege rekomendas al la personoj, kiuj deziras rezervigi al si ĉambron, ke ili tuj mendu ĝin, ĉar, post la 20a de majo, la organiza komitato ne plu povas garantii la loĝadon.

| | | |
|---|---|---|
| La kongreskarto kostas | | Fr. 5.— |
| La festeno, | (kun takso) | 15,75 |
| La boata promenado sur la kanaloj | | 3,— |
| La ŝipa ekskurso al Zeebrugge | | 1,75 |
| La fotografaĵo (granda formato) | | 5,— |
| La fotografaĵo (poŝtkarto) | | 1,— |

Cambroj estas haveblaj po 8,50, 10,50, 12,50 kaj 15,50 frankoj por ĉiu nokto kaj por ĉiu persono. (Takso enkalkulita).

La kongresanoj antaŭpagu la tutan sumon de la diversaj de ili menditaj.

Por propaganda celo, ni insiste petas ke la grupoj nepre kunportu siajn flagojn: la fervoja transporto de la flagstango fariĝas tre oportuna kiam ĝi estas dividebla en du partoj.

Por ĉiuj informoj oni sin turnu al: XIIIa Belga Esperanto-Kongreso, 4, rue de l'Outre, Bruĝo, Poŝtĉekkonto 129803.

---

## ĜENERALA KUNVENO DE LA LIGO

**8an de Junio 1924 je la 10 h. 30.**

### TAGORDO:

1. Malferma parolo de la Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. « Nia Plena Devo». F-ino Thooris, Bruĝo.
5. «Esperanto kaj la Blinduloj». S-ro V. Hendricx, Gento.
6. Diversaj Komunikoj.

---

# Belga Kroniko

ANTVERPENO. — « La Verda Stelo ». — Junula Sekcio. — Lasttempe, la junula sekcio donis signon de nova, forta vivo. La komitato, elektita ĉefe inter la geinstruistaro, regule kunvenis por kunhelpi al la efektivigo de nia celo. Komune laborante, ĉiu akceptis specialan parton de la programo. Kursoj estos gvidataj de S-roj Boeren kaj Karnas. Pri la biblioteko speciale sin okupos F-ino Alice Van Ganse, dum F-ino Geers gvidas perfektigan kurson kaj la infanan korespondadon. Fine S-ro Boeren prizorgos agrablajn kunvenojn, kaj pristudos organizon de infana interŝanĝo. S-ro Karnas aranĝos la ekskursojn.

BRUĜO. — a) Kurso por progresantoj, gvidata de S-ro Dervaux, komenciĝis ĉe « Cercle Militaire » la 13an de marto kaj estas vizitata ĉiusemajne de cirkaŭ dudek fervoraj gesamideanoj.

b) La 31an de marto la « Bruĝa Grupo Esperantista » organizis intiman feston en la festhalo de la « Hôtel du Cornet d'Or », ornamita de gaje flirtantaj Esperantaj flagetoj. La gesamideanoj ĝuis tre agrablan vesperon. La multnombra ĉeestantaro esprimis sian kontentecon per varmaj gratuloj kaj laŭtaj aplaŭdoj. S-ro A. J. Witteryck, Prezidanto de « Belga Ligo Esperantista » kaj Honora Prezidanto de la loka grupo, de li fondita en 1902, ĉeestis kaj gratulis kore la organizintojn de la festeto, kiu estis antaŭsperto de la brila vesperfesto okazonta dum nia XIIIa belga. S-ino Sylvain Dervaux, F-inoj Céleste kaj Alice Boereboom, Henriette Ronse, Irène Van de Meulebroeck, S-roj Gustave Dotselaere, Francois Piert kaj Karlo Poupeye bonege ludis, kantis aŭ deklamis. Ili akiris meritītan suksecon. La estraro de la grupo al ili estas tre danka, ĉar ili per sia bonvolo kaj talento ebligis perfektan plenumon de bone elektita programo. S-ro Dervaux, kun nedirebla ĝojo kaj kutima sindonemo, prezentis siajn ekslernantojn pri kiuj li povas fieri. « La Espero », kantita hore de la gesamideanoj, impresis forte la neesperantistojn kaj finis tiun festeton, kies memoro estas ĉarma al ĉiuj.

GENTO. — «La Progreso». — Estas jam tradicio en tiu grupo komenci la jaron per artfesto. Dum 1924 ĝi okazis la 3an de februaro. La multnombra ĉeestantaro multe ŝatis la laboron de la teatra sekcio, kies repertorio jam enhavas naŭ teatraĵojn. Ĝi reprezentis kun novaj geaktoroj «La Salujo»'n unuaktan komedion de E. G. Gluck, tradukitan de la Prezidanto S-ro L. Cogen. Ĝi ankaŭ faris la unuan prezentadon en nia lingvo de « La Lulileto » de E. Van Goethem, tradukita de F-ino F. Colyn. La geaktoroj: F-ino A. Colyn, P. Deltombe, K. M. Soete kaj S-ro Somerling meritas ĉies dankon pro sia sukcesa laboro. Infanscenetoj, luditaj de tre junaj geknaboj, variis la enhavon de la koncerto kanta, muzika kaj deklama. La amuziga vespero finiĝis per dancparto kaj per grupa fotografado kun magnezia lumo.

La klubaj kunvenoj okazas nun ĉiumonate, la lastan sabaton, en la sidejo: Restoracio «Middelstand», Koornmarkt. Ili enhavas, krom la agrabla kunesto, paroladon faratan de geanoj. Inter la laste okazintaj ni citu: «Italujo» de F-ino De Rycke, «La Historio de la librartoj» de S-ro Van Hove, kaj « La karbominejoj en Limburgo » de F.ino E. Colyn, la unua kaj lasta kun lumbildoj.

MEHLENO. — La 3an de aprilo okazis intima disdonado de la premioj al la lernantoj de la elementa kurso.

La 21an de aprilo la grupo ekskursis al Antverpeno.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — « Gazet van Antwerpen » (15-3) : traduka represo el « Orienta Revuo » de la artikolo « Tago de Paco, tago de Danko » (21-3) : tri informetoj pri lastaj progresoj de Esperanto; (23-4) Komuniko pri la dissendo en Esperanto de la Reĝa parolado en Anglujo, ĉe la malfermo de la Ekspozicio en Wembley; (30-4): pri la konferenco de Genève pri Radio; (4-5): pri la progresoj de la ĵus fondita « Internacia Radio-Asocio» kaj pri la senfadena parolado de 7-5 en Londono.

« Le Matin » : (23-4) : pri reĝa parolado en Wembley; 4-5) : pri « I. R. A. » kaj Londona parolado de 7-5.

« La Métropole » : (23-4—4-5) : samaj artikoloj kaj komuniko pri a radiofonia konferenco en Genève.

« L'Echo du Soir » (3-5) : pri « I. R. A. ».

« Neptune » (4-5): pri Londona parolado de 7-5, kaj pri akcepto de Esperanto kiel Radiolingvo.

« De Schelde » (5-4) : pri fondo de Flandrema grupo Esp. en Antverpeno; 22-4) komuniko de tiu grupo pri politikaj faktoj. Ambaŭ komunikoj aperis en Esperanta lingvo.

« De Morgenpost » (25-3) : tri informoj pri progreso de Esp.; Esperanto en la lernejoj de Genève; 29-3): Esperanto inter la blinduloj; (23-4): Reĝa parolado per Radio, en Esperanto.

« De Diamantbewerker » (15-3, 22-3, 26-4): komunikoj pri nova kurso kaj pri partopreno de la Esperantistaj Diamantistoj en la festo de la de Majo.

« Zaïre », organo de la Flandra Rondo de Koloniaj studoj, Marto: Enkonduka artikolo « Al la Esperantistoj », vokanta al kunlaboro la samideanojn, kiuj sin okupas pri koloniaj aferoj.

BRUSELO : « La Bulgarie » (29-3) : Esperanto en la praktika vivo; «L'Indépendance Belge» (23-4): pri reĝa parolo en Wembley.

« Le Peuple » (16-3) : Radio kaj Esperanto; 27-4) : pri la paroloj de la 23-4 de 7-5; (23-4): pri nova kurso ĉe laborista grupo de Bruselo; (30-4) pri senfadena parolo el Moskvo la 30an de Aprilo.

« De Standaard » (25-26-29-3, 23-4): diversaj artikoloj pri Esperanto en Genève, inter la blinduloj kaj pri la aplikoj de nia lingvo en Radiofona fako.

« Ontwikkeling » (Marto): granda artikolo pri la historio de la internacia lingvo ; la aŭtoro analizas Esperanton ; (Aprilo) : Daŭrigo de la citita artikolo ; nun la aŭtoro parolas pri Ido, kaj faras propagandon por ĝi. Ni tute ne intencas kontraŭdiri la ne-malmultajn ne-verajojn, kiujn la verkinto servas al la legantoj de la presinta revuo ; ni povas nur rekomendi al li, ke li sin plene instruu pri la temo, kiun li ektuŝis. Ekzistas ja tre vasta dokumentaro pri tiu afero.

« Radio-Belge » (24-4) : Granda artikolo pri la uzo de Esperanto en Radiofonio; (1-5) : represo en franca lingvo de «Senfadena Lumo» kaj «Varsovia Radiostacio» el Esp. Triumfonta No 176.

BRUĜO. — « Brugsch Handelsblad » (5-4): pri la festo de la loka grupo, kaj pri la internacia lingvo por radiofonio; (3-5): programo de la 13e Belga Kongreso de Esperanto.

« Journal de Bruges » (24-4): pri la Nr Jan-Febr. de « B. E. »; (28-4): pri reĝa parolo en Wembley; (5-5): la programo de nia 13a Kongreso.

GENTO. — « Le Bien Public » : pri la reĝa parolo en Wembley.

« Flandre Libérale » (28-3): Esperanto en la praktika vivo; (?-4): pri la parolado en Wembley.

« Gazette van Gent » (13-3), (11-4): flandra traduko de artikolo de S-ro Applebaum en «Esper. Triumfonta» 2-2-24; (9-4): la internacia lingvo de senfadena telefono; (14-3, 4-4): daŭrigo de la Frazaro en Esperanto.

MEĤLENO. — « Gazet van Mechelen » (22-23-3): tri komunikoj pri lastaj progresoj de E. (26-3): sperto pri Esp. en la lernejoj de Genève; (3-4): la universala lingvo de Radio; (21-23-4) pri la reĝa parolo en Wembley kaj pri tiu de S-ro Edmonds (7-5).

MONS. — « La Province » (2-4): pri Esp. en la lernejoj de Genève; (3-4): Esperanto ĉe la blinduloj.

VERVIERS. — « Le Travail » (17-4): granda artikolo pri Esperanto en Komerca vivo.

# Gratuloj

F-ino Marie-Jeanne Claessens, membrino de grupo «Al Triumfo» de St. Nikolao, edziniĝis kun S-ro Achille Van Steenkiste el Tourcoing.

# XVI Internacia Kongreso, Vieno

7-14 AŬGUSTO 1024-a

## DUA BULTENO.

La L. K. K. en Wien jam nun, nur komencinte la forsendon de la oficialaj invitiloj por la XVI-a, kun grando ĝojo povas konstati, ke la invito en ĉiu lando trovis la dezirindan resonon: Afablan akcepton de la invito, seninterrompe kreskantan nombron de aliĝoj, ĉie amike kunlaborantajn samideanojn.

La impreso de la nova, direkta invitmaniero estas senescepte agrabla kaj multaj samideanoj volonte helpas sukcesigi la laboron. La adresaro de la invitotoj bezonas ĉiutagan kompletigon, de la salutpresajoj el Wien unu milo post la alia estas ekspedataj.

Ĝis la 15a de Februaro la kongresa oficejo jam posedis pli ol mil aliĝoj; inter ili troviĝas nomoj de multaj ŝatindaj samideanoj, kies ĉeesto grave plivalorigos la XVI-an. La L. K. K. ne publikigos laŭnomajn listojn de la kongresontoj, sed raportojn laŭnombre, partigante la aliĝintojn laŭ la landoj. La kompleta nomaro de la kongresanoj estos ricevebla nur dum kaj post la kongreso kiel speciala libro.

Tre agrabla fakto estas, ke inter la ĝis nun konataj kongresanoj ni jam vidas multajn bone konatajn eminentajn Esperantistojn, ekzemple S-ron: Baghi, Bünemann, Dro Bischitzky, Prof. Cart, Prof. Christaller, Edmonds, Fischer, inĝ. v. Frenckell, Gube, Hromada, inĝ. Isbrücker, Krestanoff, Dro Ledermann, Marich, Dro Maruzzi, Medem, Minor, Dro Möbusz, Oberottmann, Page, Predall, Generalo Sebert, Schoofs, Stettler, Vaona k. a.

La porloĝeja oficejo komencas funkcii, por zorge certigi al ĉiuj kongresontoj kontentigan ripozejon. Neniu dubu pri sufiĉa nombro da taŭgaj, puraj ĉambroj.

Multfoja demando estas pri bezonataj elspezoj por vivado en Wien. La respondo dependas de la kutimoj. Vojaĝanto, tre modesta kaj ŝparema, en Wien nuntempe bezonas nur 2 ĝis 3 svis frankojn potage por loĝejo kaj manĝado. La duobla sumo ebligas ĉiurilatan plibonigon, kaj certe elspezoj de 8 ĝis 10 svis. frankoj po tago por unu persono garantias jam luksan restadon.

Sekvontaj bultenoj enhavos raportojn pri amuzaj aferoj, konferenco k. c. — Ĉiuj preparaj laboroj de la L. K. K. prosperas vere kontentige kaj donas eĉ al la komitatanoj mem la dezirindan, daŭre freŝan laboremon.

## TRIA BULTENO.

La ĝis hodiaŭ aliĝinta kongresanaro, la unuaj du miloj, jam havas vere internacian aspekton. Alvenis aliĝiloj el Afriko Suda, Alĝerio, Anglujo, Aŭstrio, Belgujo, Ĉehoslovakio, Danujo, Danzig, Estonio, Fran-

cujo, Germanujo, Grekujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Jugoslavio, Latvio, Litovio, Nederlando, Polujo, Rumanujo, Rusujo, Skotlando, Svedujo, Svislando, Usono.

Konsiderante la fakton, ke malproksimaj landoj ricevis la invitilon de la XVI-a tre malfrue, la L. K. K. decidis, ke la kotizo ne estu altigota jam la 31 marto, sed por aliĝoj alvenantaj post la 31 majo.

La L. K. K. decidis prezenti al la kongresanoj kiel festteatraĵon ne sentimentalan, sed gajigan, vere laŭtipe wienan sorĉfabelon: Raimund, Der Verschwender (La malŝparulo), tradukita de Kolonelo Zwach, Wien. La aktoraro nuntempe ekzercadas la esperantan lingvon. Tekstlibro tre baldaŭ estos eldonata de Hirt & Sohn, Leipzig.

Nun preparata ĉefbulteno, eldonota komence de aprilo, raportos detale pri la tuta kongresa programo. Ĝi estos forsendata kun la kongreskarto al ĉiuj aliĝintoj kaj al interesuloj. Kompleta listo de fakkonferencoj kun adresoj de aranĝantoj ankaŭ estos publikigata en la ĉefbulteno. Krom tio la ĉefbulteno enhavos raportojn pri projektata ekspozicio kaj naciaj informejoj, ankaŭ pri Esperanto-ekzamenoj dum la kongreso, postulataj de aliĝintoj el diversaj landoj.

La Esperantistaj Societoj en Wien per la Esp.-delegitaro aranĝis specialajn ekzercadojn por gvidantoj, perfektigante ilin por ĉiuj eblaj taskoj en la granda urbo kun amaso da vidindaĵoj kaj en la belega ĉirkaŭaĵo, por kontentigi la kongresgastojn.

La L. K. K. denove petas sendi la aliĝilojn al la kongresa oficejo, kaj sendas al ĉiuj helpemaj samideanoj korajn salutojn kaj dankon.

Loka Kongresa Komitato
Schade, ĉefsekr.

# Aûtonoma Muziknotado

La «Internacia Asocio por la Propagando de la Aŭtonoma Muziknotado», iniciatita de S-ro Cogen, estas nun definitive starigita, post sendo en la Kvin Mondpartoj de la cirkulero kaj Fundamenta Regularo, presitaj en «B. E.» (Nov.-Dec.). Jam estas starigota sekcio en Japanujo, el kiu tre interesaj novaĵoj alvenis, kaj alia sekcio baldaŭ ekestos en Dordrecht, kie dank'al S-ro C. Nelson, nia holanda samideano, la kreo de la Asocio estas anoncita en «Dordrechtsche Courant» kaj en «Dordrechtsch Nieuwsblad».

Estas espereble, ke la Belgoj kaj alinacianoj baldaŭ sekvos tiujn laŭdindajn ekzemplojn!

Aliparte S-ro Hautstont sciigis ke la A. M. N. estas ankaŭ disvastigata per la T. S. F.

En «L'Artiste musicien» de Aprilo 1924 ni legis ke, laŭ la favora konsilo de l'Konsilantaro Perfektiga por la Normala kaj Infana Instruo la du verkoj de S-ro Hautstont « Notation Musicale Autonome » kaj

«Solfège» (en A. M. N.) estas alprenotaj en la oficiala katalogo kaj rekomendotaj de la Registaro (belga) kiel verkoj destinataj al la bibliotekoj de l'Normalaj Lernejoj kaj al la bibliotekoj de l'Kantonaj Paroladoj («konferencoj») de la Instruistoj, kaj honorotaj je subskribo de la Registaro (Ministrejo de la Sciencoj kaj Artoj)». Jen granda sukceso por S-ro Hautstont kaj la A. M. N. kiu tiamaniere oficiale diskoniĝos en la grava intelekta mondo belga de l'geinstruistoj!

# Revado antaŭ la Amlago

Jen estas la titolo de muzikaĵo por fortepiano verkita de S-ino Cogen-Van Rysselberghe, la edzino de l'vicprezidanto de l'Belga Ligo Esperantista.

Tiu muzikaĵo estas ludota dum la vesperfesto de la aŭtorino mem, kin estas muzikverkistino kaj kiu gajnis estinte premion pri kapableco por la orgenludado en la Genta muzikkonservatorio.

Estas preskaŭ certe ke ĝi estas ludota dum la proksima kongreso en Bruĝo sur la sonorilaro, de S-ro Nauwelaers, kaj dum la vesperfesto, tre eble de la aŭtorino mem. Ĝi estos ja tre laŭcirkonstanca, en la urbo mem de laAmlago! Ĉar ĝi havas karakteron priskriban, la legantoj dezirantaj ĝin bone kompreni dum la ludado estos eble kontentaj posedi pri ĝi la jenan klarigon :

«La Revado antaŭ la Amlago estas la verko de iu, kiu mem staris ofte medidante sur la ŝtona ponto, konstruita super la fame konata Bruĝa lago, kaj admirante la ĉarman, poezioplenan vidaĵon de tiu preĝeja turo videbla en la fundo de tiu pejzaĝo.

Post kelkaj kalmaj, grave impresigaj taktoj, en la grava kaj malhela tono re, taktoj enkondukaj, kies celo estas naski la deziritan sentostaton ĉe la aŭdanto, jen komenciĝas, en la iom malpli malhela, sed ĉiam grava tono la, la «melodio de la revantino», kiu iom post iom enprofundiĝas en sia revado. Je la fino de tiu melodio, post kvartakta transiro, jen aŭdiĝas la perfekta kadenco kondukanta al la pli hela tono mi ; ankaŭ la takto (9/8) kaj la movo (Andanto kun movo) pliviglîĝas : la revantino estas vekita el sia revo pro la sonorado el la turo, dum ankaŭ ondetoj aŭdigas sian bruetadon, tie malsupre, en la de la vento karesita akvo. Sonorado kaj ondobruo eĉ ŝajnas maltrankvile agiti la animon, de la nur duone vekiĝinta revantino (brila tono si maĵora);... sed baldaŭ ĉio ekrekvietiĝas kaj la dolĉa revada melodio reaperas per senpera reiro al la tono la, post nura ripozo sur orgena punkto : la Italoj nomas tiun «mankon» de transira kadenco «cadenza d'inganno», t. e. trompa, ŝajna kadenco.

Iom post iom la revantino direktigas sian rigardon al la lago, kaj, en ŝia revo, ŝajnas al si ke sur la kvieta akvo naĝadas trankvile, kaj preskaŭ senbrue plaŭdante, blankaj, kvazaŭ mistikaj cignoj dum tre

dolĉa sonoriletsonorado en la ĉielo: tiu efiko estas produktita per en la baso longe tenataj agordoj harpimite ludataj en la supra parto kun senĉesa insisto sur la du plej superaj notoj, dum la kanto malrapide antaŭeniras inter ambaŭ.

Per tiu-ĉi parto, tute pp kaj ree en la komenca tono re, la revado iom post iom svenas en la anima kvietegeco de la revantino.

LA HERBETO

Fiera herbo, herbtrunketo
Staranta ĉe ĝardenmureto,
Vi fleksas kapon antaŭ mi,
Ricevu resaluton Vi.

Vi ŝajnas gaja je humoro :
Ĉu tuŝis herbo Vin ĉe l'koro?
Ĉu estus eble printempsun'
Vin kiu feliĉigas nun?

Mi ankaŭ,herbo, estas gaja,
Ĝuigas min la suno maja
Nun ĉio vere ĝojas nur
Je l'renaskiĝo de l'natur'

E. Rustin-Van der Biest.

# Nekrologo

S-ro Frans Janssens, el Antverpeno, mortis la 3an de Aprilo. Li navis nur 44 jarojn. Li estis unuaklasa vickomisaro ĉe la loka policistaro kaj havis antaŭ si plej belan profesian karieron. Frans Janssens estis inter la policistoj, kiuj en 1911 lernis Esperanton por faciligi la akcepton kaj restadon de la tutmonda samideanaro, kiu vizitis tiun jaron, la 7an Universalan Kongreson. De tiu tempo li konservis sian simpation al nia afero kaj helpon al la loka movado. Al liaj funebranta edzino kaj ambaŭ gefiloj ni prezentas sinceran partoprenon pro la trofrua perdo de ilia bonkora karulo. F. S.

---

Nova funebro trafis la Bruĝan Grupon Esperantistan: S-ro Octave De Muynck, mortis sepdekkvinjara, post longa malsano, la 27an de marto.

Plenumante doloran devon, dudeko da Bruĝanoj ĉeestis la enteri-

gon kun funebranta flago kaj verdablanka krono. S-ro A. J. Witterijck, prezidanto de «Belga Ligo Esperantista» ankaŭ akompanis la sekvantaron, multaj Esperantistoj senkulpiĝis, Kortuŝita, F-ino Yvonne Thooris, Prezidantino de la « Bruĝa Grupo » elparolis antaŭ la ĉerko la jenan adiaŭon al la karmemora membro.

Kara Samgrupano,

Ni staras, tie ĉi, por saluti vin, lastan fojon. En la nomo de la belga esperantistaro, mi esprimas al vi niajn dankojn, pro via daŭra apogo, pro via ĉiama sindonemo, pro via bone konata malavareco.

Vi estis ekzemplo de persisteco en la lernado de nia internacia helplingvo: Esperanto. Al vi prosperis akiri ĝin, kiam vi estis sesdekjara. Ĉu tio ne estas admirinda ekzemplo por nia junularo?

Ĉio en la movado interesis vin. Modela samideano vi estis: de multaj jaroj, ano de «Bruĝa Grupo Esperantista», ano de «Belga Ligo Esperantista», kaj ano de «Universala Esperanto-Asocio ».

Ĉiam vigla, gaja, sprita, helpema, bonhumora vi estis, unu el la plej fervoraj, plej diligentaj, plej simpatiaj de nia loka grupo.

Via morto estas grava perdo por nia societo ; la geesperantistoj el via naskiĝurbo ploras vin, ili memoras vin, kiel decas al partianoj de la sama ideo, de nia sankta idealo!

Ni scias kiom da ĝojoj havigis al vi Esperanto, tial mi diras al vi, starante ĉe via ĉerko, en nia belsona lingvo, nian kortuŝan: adiaŭ!

Adiaŭ kaj ĝis revido en pli bona mondo.

Ripozu kviete. Adiaŭ !

# La Kvarteto

(Le quatuor, de Champfleury).

---

Nenio estas pli imponanta ol vidi kvar muzikistojn sidantajn antaŭ siaj muzikportiloj. Estas kvar laboristoj kiuj faras interesoplenan laboron. Ili havas la kontentecon kaj la naivan fierecon de l'ĉarpentistoj montrantajn la ĉeflaboraĵon.

Oni ankoraŭ bruetante babilas en la ĉambrego kiam la enkonduko aŭdigas siajn unuajn akordojn : tio celas por ordigi la ideojn de l'muzikverkisto ; tio varmigas la muzikistojn. La granda heleco ne jam estas necesa: ne estas bezone timigi la okulojn per la meztaga suno. Jam la ĉeestantaro aŭskultas.

La kvar instrumentoj estas meze en kvarludadoj; ili trotetas por ne laciĝi de l'komenco. Ŝajnas al mi ke kvar vojaĝantoj renkontiĝis vespere en gastejo, je l'vespermanĝo; ili ellitiĝas frumatene, iomete trinkas gaje trairante la ebenaĵon. La ĉielo estas blua, kaj freŝa vento blovas.

La interparolado ekvigliĝas; la violono rakontas ian bonan ŝercon al sia amiko, la dua violono ; la aldo ĝin aŭdis kaj ĝin rediras al la

violonĉelo kiu, kvazaŭ grava burĝo, ĝin ripetas grave al si mem por ĝin memori kaj ĝuigi je ĝi sian familion.

Kelkafoje la kvar vojaĝantoj parolas kune, sed la du violonoj, pli viglaj, paŝas antaŭe, diras konfidenciojn unu al la alia kaj lasas malantaŭ si la aldon kaj la bason kiuj ne restas ne babilantaj.

De tempo al tempo oni ripozas por pli bone reekmarŝi. Ne kredu ke la interparolado finiĝos.

Ekkrio aŭdiĝas de unu flanko: estas la aldo: demando, de alia flanko: estas la violono; kaj agrabla gajegeco estadas inter la kvar kolegoj kiuj diras unu al la aliaj la plej gajajn aferojn de l'mondo.

Sed ridado tro longedaŭra fariĝas maldeca.

La violono ĉesigas sian ŝercadon dirante rakonton iom melankolian. La honesta aldo bone komprenas la rakontaĵon, ĉar li estis ĉeestanto de tio, kaj li eĉ aldonas multajn detalojn kiujn la violono nesciis.

Rimarkinda estas la simpatio del' violonĉelo por tiu rakonto: li aŭdiĝas ĝemojn kiuj ne estas variaj, sed kiuj estas belaj ĉar ili estas sinceraj: «Ha, mia Dio!», li ĉiumomente rediras, «Ha, mia Dio!».

La rakonto melankolia estas tiel bone dirita ke ĉiuj, kvarope, ekĝemas pri tiu okazintaĵo tiel kortuŝanta. Subite oni vidas vilaĝon en la malproksimo; oni forgesas ĉion, la gajajn diritaĵojn, la melankolion, la lacigon de l'vojiro, kaj oni premas la manon unu de l'alia. La vojo estas finita; la kvar amikoj disiĝas.

Tradukis el la franca lingvo.
L. COGEN.

---

**Malgranda knabo:** Onklino, montru vian langon! (Post vido) Mi ne rimarkas ion.

**Onklino:** Sed, kion vi serĉis?

**Knabo:** Mia patro diris ĉiam ke vi havas perfidan langon!

---

**Instruisto:** Karlo, diru, kia azeno helpis vin? Se vi estus farinta vian taskon vi mem, mi estas konvinkita ke ĝi estus pli bona. Nu?

Karlo: Via filo! sinjoro instruisto!

---

**Karolĉjo:** Patrino, mia nova pantalono estas tro mallarĝa, ĝi estas ankoraŭ pli mallarĝa ol mia haŭto!

**Patrino:** Kial do!

Karolĉjo: Jes, en mia haŭto mi kapablas fleksiĝi sed ne en mia pantalono.

RIMARKO. — Jules Fleury, dirita «Champfleury» naskiĝis en 1821a en Laon.

En «Les Confessions de Sylvius» li rakontis la penigajn aventurojn kiujn li travivis antaŭ ol konatiĝi en la ĵurnalismo kaj la arto. Li publikigis grandan nombron da skizoj, da noveloj kaj fantazioj kaj diversajn romanojn inter kiuj estas citota «Les Bourgeois de Molinchart» satira pentraĵo de l'provincaj moroj.

# La Kapricoj de Mariano

## ALFRED DE MUSSET

---

El la franca tradukis JAN VAN SCHOOR

Al F-ino ROZALIO WAGNER el Timiŝolara

kiel esprimo de daŭra amikeco,

LA TRADUKINTO.

### BIOGRAFIA NOTO

**Louis-Charles-Alfred DE MUSSET**, naskiĝis en Parizo en 1810, kaj mortis en la sama urbo en 1857. En 1852 li iĝis membro de la franca Akademio

Kiam li estis dudekjara, li publikigis sian unuan libron « **Hispanaj kaj Italaj Rakontoj** », kiu dum la tiama arda batalo de la literaturaj skoloj ekteruris la unujn, kaj entuziasmigis la aliajn.

La poemoj de Adfred de Musset estas nekompareble ĉarmaj kaj liaj rakontoj estas veraj perloj. Kiu iam legis eksemple « **Mimi Pinson** », neniam forgesos tiun tipon de la neprofitama malĉastulino.

La « **Komedioj kaj Proverboj** » estas la plej ĉarma kaj plej ŝatata parto el la verkaro de de Musset. Akceptita per fajfado, lia unua teatraĵo « **Venecia Nokto** » malsukcesis en 1830. Tiu malsukceso tamen havis feliĉan sekvon. La pikita aŭtoro ne plu verkis por la scencjo kaj pro tio malatentis pri teatraj konvencioj. Ne dezirante verki por sia epoko, de Musset donacis teatraĵojn por ĉiuj tempoj.

« **La Kapricoj de Mariano** » aperis en 1833, de Musset enigis parton de si mem en du el la persnoj de tiu teatraĵo : Oktavo, la diboĉulo, estas de Musset, estas lia malbona internaĵo, la mortigisto de lia genio ; Ĉelio estas enkaŭ de Musset, la bona de Musset, timema kaj kortuŝema, iom malgaja pri la malmoraleco de Oktavo. La temo de la teatraĵo enhavas unu el la epigrofoj de « **Namuna** » : « Virino estas kiel via ombro ; postkuru ŝin, ŝi evitas vin ; evitu ŝin, ŝi postkuras vin ».

Alfred de Musset estas poeto, kiun oni neniam forgesos, kiu eterne ravos la korojn, ĉar neniu prikantis pli bone la junecon, la amon kaj la melanĥolion, kiuj estas eternaj

LA TRADUKINTO.

# La Kapricoj de Mariano

PERSONOJ.

KLAŬDIO, urbestro.
OKTAVO.
ĈELIO.
TIBIA, servisto de Klaùdio.
PIPPO, servisto de Ĉelio.
MALVOLIO, intendanto de Hermia.
KELNERO.
Servisto de Mariano.
Servistoj de Hermia.
Du glavistoj.
MARIANO. edzino de Klaùdio.
HERMIA, patrino de Ĉelio.

(La sceno estas en Napoli. — Italaj vestoj el la tempo de François I.)

UNUA AKTO.

Placo antaù la domo de Klaùdio.

UNUA SCENO

ĈELIO, PIPPO.

CELIO. — Nu, Pippo, ĉu vi vidis Marianon?

PIPPO. — Jes, Moŝto.

ĈELIO. — Kion ŝi diris al vi?

PIPPO. — Ŝi estas pli bigota kaj pli fierega ol iam. Ŝi informos sian edzon, ŝi diris, se oni persekutos ŝin ankoraù.

ĈELIO. — Ha ! kiom malfeliĉa mi estas ! Restas nur la morto al mi ! Ha ! la plej kruela el ĉiuj virinoj ! Kaj kion vi konsilas al mi, Pippo ?

PIPPO. — Mi konsilas al vi unue, ke vi ne restu tie, ĉar jen ŝia edzo kiu venas de tiu flanko. (Ili rifuĝas en la fonon).

DUA SCENO.

KLAŬDIO, TIBIA.

KLAŬDIO. — Ĉu vi estas mia fidela servisto, mia sindonema lakeo ? Sciu, ke mi devas venĝi min pro insultego.

TIBIA. — Ĉu vi, Sinjoro?

KLAŬDIO. — Mi mem, ĉar tiuj senhontaj gitaroj ne ĉesas murmuri sub la fenestroj de mia edzino. Sed pacienon ! Ĉio ne jam finiĝis, (Li ekvidas Ĉelion kaj Pippon). Aùskultu iomete pli proksime ; jen

personoj, kiuj povus aùdi nin. Vi venigos ĉi tiun vesperon la glaviston, pri kiu mi parolis al vi.

TIBIA. — Por kion fari?

KLAŬDIO. — Mi kredas ke Mariano havas amantojn

TIBIA. — Ĉu vi kredas, Sinjoro?

KLAŬDIO. — Jes, estas ĉirkaù mia domo odoro de amantoj. Neniu preterpasas malafekte antaù mia pordo ; pluvas tie gitaroj kaj sekretaj leteroj.

TIBIA. — Ĉu vi povas malebligi ke oni donas serenadojn al via edzino?

KLAŬDIO. — Ne, sed mi povas postenigi viron malantaù la krado, kaj min liberigi de la unua kiu eniros.

TIBIA. — Fi! Via edzino ne havas amantojn.... Estas kvazaù vi dirus, ke mi havas amatinojn.

KLAŬDIO. — Kial vi ne havus ilin, Tibia? Vi estas tre malbela, sed vi havas multe da spirito.

TIBIA. — Mi konsentas, mi konsentas.

KLAŬDIO. — Jen, Tibia, vi mem konsentas ; oni ne plu povas dubi pri tio kaj mia senhonoriĝo estas publika.

TIBIA. — Kial publika?

KLAŬDIO. — Mi certigas al vi ke ĝi estas publika.

TIBIA. — Sed, Sinjoro, via edzino estas konsiderata kiel prudegulino en la tuta urbo. Ŝi neniun vidas, ŝi nur forlasas sian hejmon por iri al la meso.

KLAŬDIO. — Ne kontraùstaru min ; mi estas tro kolera. Post ĉiuj donacoj, kiujn ŝi ricevis de mi..... Jes, Tibia, mi aranĝas nun teruran intrigon, kaj preskaù mortas de malĝojo.

TIBIA. — Ho, ne!

KLAŬDIO. — Kiam mi diras ion al vi, vi farus plezuron al mi kredante ĝin. **(Ili foriras).**

## TRIA SCENO.

### ĈELIO.

Ve, kiu, meze de la juneco, tutcedas al senespera amo! Ve, kiu sin fordonas al dolĉa revado, antaù ol li scias kien lia himero lin kondukas, kaj ĉu li povas esti rekompencata repage! Mole kuŝante en barko, li malproksimiĝas iom post iom de la bordo ; li ekvidas malproksime ravajn ebenaĵojn, verdajn herbejojn, kaj la logan iluzion de sia Eldorada. La ondoj silente lin forlogas, kaj kiam la Realeco lin ekvekas, li estas tiom malproksime de la celo al kiu li sopiras, kiom de la bordo kiun li forlasis. Li ne plu povas daùrigi sian vojon, nek reiri **(Oni aùdas bruon de instrumentoj.)** Kia estas tiu maskitaro? Ĉu ne estas Oktavo kiun mi ekvidas?

## KVARA SCENO.

**ĈELIO, OKTAVO, kiu havas sur sia vesto longan malfermitan domenon, duonmaskon sur la vizaĝo kaj lignan glavon en la mano.**

OKTAVO, **ekparolanta al la maskitoj, kiujn oni ne vidas.** Sufiĉas, amikoj miaj, reiru al via hejmo. Ni sufiĉe amuzis nin hodiaŭ. (**Al Ĉelio, forigante sian maskon.**) Kiel fartas, mia bona sinjoro, tiu gracia melanĥolio?

ĈELIO. — Oktavo!..... Ho frenezulo! Vi havas futon da ruĝo sur la vangoj. Kial vi vin tiel vestaĉis? Ĉu vi ne hontas, en plenluma tago?

OKTAVO. — Ho Ĉelio! frenezulo! vi havas futon da blanko sur la vangoj! Kial vi vin vestaĉis per tiu larĝa nigra kostumo? Ĉu vi ne hontas, meze de karnavalo?

ĈELIO. — Mi iris al via hejmo.

OKTAVO. — Kaj mi ankaŭ iris tien. Kiel fartas mia domo? Jam de ok tagoj mi ne plu vidis ĝin.

ĈELIO. — Mi havas peton al vi.

OKTAVO. — Parolu, Ĉelio, mia kara infano. Ĉu vi deziras monon? mi ne plu havas ĝin. Ĉu vi deziras mian glavon? Jen ligna. Parolu, parolu, disponu pri mi.

ĈELIO. — Kiom da tempo tio daŭros?...... Dum ok tagoj vi ne estis hejme!.... Vi mortigos vin, Oktavo.

OKTAVO. — Neniam per mia propra mano, amiko mia, neniam; mi pli ŝatus morti ol atenci mian vivon.

ĈELIO. — Kaj ĉu ne estas memmortigo kiel alia, tiu via gajvivo?

OKTAVO. — Imagu ŝnurdanciston, en arĝentaj duonbotoj kun balancstango en la manoj, pendantan inter ĉielo kaj tero; dekstre kaj maldekstre, maljunaj malgrandaj vizaĝoj malgrasiĝintaj, malgrasaj kaj palaj fantomoj, lertaj kreditoroj, parencoj kaj amaĉistinoj, tuta arego da monstroj pendiĝas al lia mantelo kaj lin senĉese tiradas kaj puŝadas de ĉiuj flankoj per perdigi al li la ekvilibron. Superfluaj frazoj, gravaj vortoj enkadrigitaj kavalkadas ĉirkaŭ li; nubego da malbonsignaj antaŭdiroj blindigas lin per siaj nigraj flugiloj. Li daŭrigas sian facilan kuradon de la Oriento al la Okcidento. Se li rigardas malsupren, lia kapo turniĝas; se li rigardas supren lia piedo maltrafas. Li iras pli rapide ol la vento, kaj ĉiuj manoj etenditaj ĉirkaŭ li ne renversigos unu guton el la pokalo kiun li portas al sia buŝo. Jen mia vivo, kara amiko mia; estas mia fidela bildo, kiun vi vidas.

ĈELIO. — Kiel feliĉa vi estas estante freneza!

OKTAVO. — Kiel freneza vi estas ne estante feliĉa! Nu, diru al mi, kio mankas al vi?

ĈELIO. — Mankas al mi la ripozo, la dolĉa senzorgo, kiu igas la vivon spegulo sur kiu ĉiuj aĵoj speguliĝas dum momento kaj sur kiu ĉio forglitas. Ŝuldo, por mi, estas konsciencriproĉo. La amo, el kiu vi aliuloj faras tempopasigon, maltrankviligas mian tutan vivon. Ho amiko, mia, vi neniam scios kio estas ami kiel mi! Mia studĉambro estas dezerta; depost unu monato mi vagas ĉirkaŭ tiu domo dumnokte kaj dumtage. Kian ĉarmon mi sentas, je la lunleviĝo, kondukante sub tiuj malgrandaj arboj, ĉe la fono de ĉi tiu placo, mian modestan ĥoron da muzikistoj, markante mem la takton, aŭdante ilin prikantantaj la bele-

con de Mariano ! Neniam ŝi ekaperis ĉe sia fenestro, neniam ŝi venis apogi sian ĉarman frunton sur sian latkurtenon.

OKTAVO. — Kiu estas tiu Mariano? Ĉu estas mia kuzino?

ĈELIO. — Estas ja ŝi ; la edzino de la maljuna Klaùdio.

OKTAVO. — Mi neniam vidis ŝin ; sed ŝi certe estas mia kuzino. Klaùdio estas facile trompebla. Konfidu al mi viajn interesojn, Ĉelio.

ĈELIO. — Ĉiuj peroj, kiujn mi provis por konigi al ŝi mian amon, estis vanaj. Ŝi venas el monahinejo, ŝi amas sian edzon kaj respektas siajn, devojn, ŝia pordo restas fermita por ĉiuj junuloj de la urbo, kaj neniu povas alproksimiĝi ŝin.

OKTAVO. — Fi ! Ĉu ŝi estas bela? Frenezulo kiu mi estas ! Vi amas ŝin, do tio tute ne gravas. Kion ni povus eltrovi ?

ĈELIO. — Ĉu mi povas malkaŝe paroli al vi ? Ĉu vi ne ridos pri mi ?

OKTAVO. — Permesu ke mi ridu pri vi, kaj parolu malkaŝe.

ĈELIO. — Kiel parenco, vi certe estos akceptata en la domo....

OKTAVO. — Ĉu mi estos akceptata? Mi tute ne scias. Konsentu ni ke mi estos akceptata. Verdire, en mia glora familio ni ne f rmas tre ligitan faskon, kaj ni interrilatas nur skribe. Tamen Mariano konas mian nomon. Ĉu mi devas al ŝi paroli por vi?

ĈELIO. — Dudekfoje mi provis paroli al ŝi, dudekfoje mi sentis miajn genuojn fleksiĝantaj alproksimiĝante ŝin. Kiam mi vidas ŝin, mia gorĝo premiĝas kaj mi sufokas, kvazaŭ mia koro leviĝus ĝis miaj lipoj.

OKTAVO. — Mi travivis tion. Estas tiel ke, meze de la arbaroj, kiam cervino malrapide antaùeniras sur la sekaj folioj, kaj la ĉasisto aùdas la erikojn ŝovantaj ĉe siaj malkvietaj flankoj, kvazaŭ la tuŝetado de malpeza robo, la batoj de lia koro lin kaptas malgraŭ li ; li prenas silente sian armilon, farante neniun paŝon, senspire.

CELIO. — Kial do mi estas tia? Kial mi ne povus ami tiun virinon kiel vi, Oktavo, amus ŝin, aù kiel mi amus alian? Kial tio kio vin igus gaja kaj servema, kio vin allogus, kvazaŭ la magneto altiras la feron, tio igas min malgaja kaj senmova? Kiu povus diri : ĉi tio estas gaja aù malgaja? La realeco estas nur ombro. Nomu imagon aù stultajon kio diigas ĝin. Tiam la frenezeco estas la beleco mem. Ĉiu homo marŝas kovrita per travidebla retaĵo, kiu tegas lin de la kapo ĝis la piedoj ; li kredas vidi arbarojn kaj riveregojn, diajn vizaĝojn, kaj la universa naturo koloriĝas, sub liaj rigardoj, per senlimaj nuancoj de la magia ŝtofo. Oktavo ! Oktavo ! helpu min !

OKTAVO. — Mi ŝatas vian amon, Ĉelio ; ĝi deliras en via cerbo kvazaŭ cirakusa botelo. Denu al mi la manon, mi helpos vin ; atendu iomete. La aero vipas en mia vizaĝo kaj la ideoj revenas al mi. Mi konas tiun Marianon : ŝi tre malestimas min, kvankam ŝi neniam vidis min. Estas maldika pupo kiu ĉion faras laù sia plaĉo, vera trodorlotita infano.

ĈELIO. — Faru kion vi volas, sed ne trompu min, mi petegas. Mi estas facile trompebla ; mi ne scias malfidi agon, kiun mi mem ne valus fari.

OKTAVO. — Se vi transgrimpus la murojn?

ĈELIO. — Pro kio, se ŝi ne amas min? (Daŭrigota.

# Sekcio por la teknikaj kaj sciencaj vortaroj

---

## TRIA CIRKULERO.

Per la 1-a Cirkulero (Aŭg. 1922) la Direktoro de la Sekcio klarigis ĝeneralan labormetodon, kaj donis utilajn konsilojn al la bonvolemaj kunlaborantoj.

Per la 2-a (Marto 1923) li sciigis la interesatojn pri la aliĝo de 103 samideanoj pretaj por komenci sian kunlaboradon, kaj publikigis unuan nomaron de fakestroj ; plena listo de la manuskriptoj konservataj en niaj arhivoj estis samtempe konigata.

Per la nuna 3-a Cirkulero, la Direktoro de la Sekcio denove insistas, por ke aliĝu kaj enskribiĝu novaj kunlaborontoj, por ke la jam aliĝintaj samideanoj bonvolu atente konsideri la eblecon fariĝi fakestroj, en ia fako de la ĝenerala tekniko, aŭ en sia propra profesio aŭ metio.

Por faciligi ilian decidon, kaj montri al ili la ĝustan vojon, ni ĉi sube donas la liston de la temoj, super kiuj jam nuntempe laboras kelkaj fakestroj, helpataj de alinaciecaj kompetentuloj:

**Medicino.** — Fakestro : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassee, Lille, Francujo.

**Vitraĵoj.** — **Fakestro:** S-ro Balliman, 5, rue de Provence, Paris.

**Kudromaŝino.** — S-ro Brunet, mekanikisto, 59, cours Victor-Hugo, Bordeaux, Gironde, Francujo.

**Meblofabrikado.** — Fakestro: S-ro Karl Froding, 419, Seventh str., Rockford (Ill.), Usono.

**Fervojoj.** — Fakestro: S-ro Edw. M. Rosher, ing., 125 A, Beulah str., San Francisco, Usono.

**Telegrafo, Telefono, T. S. F.** — Fakestro: S-ro R. Raven Hart, Union Club, Necochea y Peru, Mendoza, Argentino.

**Geologio.** — Fakestro: S-ro S. Obruĉev, Arbat, Kaloŝin per 4, Kv. 8, Moskvo, Rusujo.

**Zoologio.** — Fakestro : S-ro Schröder, en Wien, Aŭstrujo.

**Dogano.** — Fakestro: S-ro R. Maraury, en Salamanca, Hisp.

**Abelkulturo.** — Fakestro: S-ro Pastro Siegel, en Unterlauter, Coburg, Germanujo.

**Muzikaj instrumentoj.** — Fakestro : S-ro W. Kalitzke, en Poznan, Polujo.

**Librotenado, Librobindado.** — Fakestro: S-ro Konig Lajos, en Miskolcz, Hungarujo.

**Filatelio.** — Fakestro: S-ro H. M. Scott, en Moundsville, Usono.

**Banko.** — Fakestro : S-ro Delanoue, 4, rue Charles - Divry, Paris-14e.

**Komerco ĝenerala.** — Fakestro: Societo «Esperanto & Komerco», Sekr. : S-ro Deny, 20, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris.

* * *

Progresas do nia afero ; sed restas ankoraŭ tro multe da fakoj pristudotaj, kiuj atendas sian fakestron....

De nun estas dezirinde, ke ĉiu el la suprenomitaj fakestroj bonvolu sciigi nin, almenau unu-du foje dum la jaro, pri la stato de la laboro efektivigita sub lia gvidado ; tion jam faris kelkaj el ili, i. d. E. M. Rosher, fakestro pri Fervoja terminaro: jen laŭdinda kaj imitinda ekzemplo.

S-ro Inĝ. Pratley, el Wesmount, Quebec, sendis du ekz. de grava terminaro pri Pontokonstruado.

S-ro José Paluzie, el Barcelona, Hisp., sendis du ekz. de verko pri Ŝakterminaro.

S-ro H. Dubuisson, 18, rue Bellevue, Le Havre, Francujo, sendis 10-paĝan nomaron de iloj kaj aparatoj por elektra lum- kaj sonorigado, telefon- kaj telegrafado.

S-ro Castro Juarez sendis liston pri piedpilkoludo.

S-ro Balliman, el Paris, fakestro, sendis sian specialan laboron pri domvitroj kaj glacoj; ni elĉerpas el tiu proponita terminaro kelkajn novkreitajn vortojn, pri kiuj estas dezirinda la opinio de la kompetentuloj, kiuj eventuale legos tiujn liniojn.

Bizelo: fr. biseau — angl. bevel — germ. Facette — hol. facet — it. bisello (molatura) — hisp. bisel — port. bisel.

Ĉanfro : fr. chanfrein — angl. chamfer — germ. schräger. Schliff — hol, facet poli — it. piccolo bisello — hisp. chaflàn — port. chanfrado.

Domvitro: fr. verre à vitres — angl. window glass — germ. Fensterglass — hol. vensterglas — it, vetro soffiato — hisp. vidrio soplado — port. vidro de vidraça.

Falzo: fr. feuillure — angl. sash. — germ. innerer Falz — hol. sponning — it. scanalatura — hisp. ranura — port. entalhe.

Glaco: fr. glace — angl.polished plate glass — germ. Spiegelglas — hol. spiegelglas — it. cristallo — hisp. luna — port. vidro.

Retumita: fr. armé — angl. wired — germ. mitdrahteinlage — hol. med draad — it. retinato — hisp. armado — port, armada.

Smota: fr. douci —angl. smoothed — germ. schleife — hol. gesavonneerd — it. arruotato — hisp. desbastado — port. amaciado.

Vitralo : fr. vitrail — angl. leaded light — germ. Kirchenfenster — hol. kerkraam — it. invetriata — hisp. vidriera — port. vitral.

* * *

La novefondita Societo « Esperanto kaj Komerco » decidis entrepreni la taskon pri la komunaj terminoj de la ĝenerala komerco ; tiu Societo baldaŭ skribos al similaj eksterfrancujaj societoj por ke ili partoprenu la tiom bezonatan kaj urĝantan laboron.

La Direktoro :
Rollet de l'Isle
35, rue du Sommerard, Paris.

Marto 1924.

P. S. — Du preseraroj enŝoviĝis en la 2-a Cirkulero. Sur la paĝo 3-a linio 1-a, oni devas legi: Geometria terminaro (A. Mazzolini). Sur la sama paĝo, legu vol. I de Vortaro Schlomann... anstataŭ vol. III.

SPRITAĴOJ.

**Inter knabinoj.** — Diru, Manjo, kion vi faros kiam vi estos granda?

— Mi? Mi edziniĝos. Kaj vi?

— Mi? Mi bopatriniĝos por tedi la knabojn.

---

**Antaŭ l'ekzekuto.** — Kondamnito, la momento kiam vi estos punata pro via krimo estas proksima. Ĉu vi ne havas lastan deziron?

— Mi deziras lerni ĥinan lingvon!

---

— Ĉu vi ŝatas infanojn? demandis sinjorino al negrino, kiun ŝi deziras dungi.

— Ho jes, sinjorino: mi manĝis multajn ĉe ni, kiam mi estis malgranda.

---

Iu demandis al sinjorino kiun aĝon ŝi havas.

— Nu, diris ŝi, kalkulu ni.... Mi edziniĝis kiam mi estis reksesjara, mia edzo estis tiam tridekjara. Nun li havas la duoblan aĝon, do mi estas tridekdujara.

---

Du infanoj diskutas pri alta staturo de sia patro.

— Mia patro estas tiel granda kiel la muro de la ĝardeno.

— La mia povas rigardi trans ĝi.

— La mia ankaŭ, kiam li havas sian ĉapelon sur la kapo.

---

— Kiel estas eble, diris profesoro al unu el siaj lernantoj, ke vi ne faras plimulte da progreso; je via aĝo, mi jam legis flue.

— Sendube, respondis la knabo, ĉar vi havis pli bonan profesoron ol mi.

---

# Bibliografio

AKBAR, Orienta Romano, originale verkita en Nederlanda lingvo de P. A. S. van Limburg-Brouwer, tradukita de J. C. & J. R. G. Isbrücker kaj J. Ziermans. Rekomendata de Esp. Literatura As.) Eldono de la tradukintoj 's Gravenhage (Nederlando) v. Beverningsstr. 10. 1923. 256 paĝoj: 12,5 x 18 cm. Prezo: 2 Fl. Hol. Tre bonan ideon la tradukintoj havis, prezentante al la tutmonda Esperantistaro tiun belegan priskribon de la vivo kaj moroj en Hindujo dum la 16a jarcento. La traduko mem estas bonege ellaborita, kaj ni rekomendas varme la legadon de ilia verkaĵo. Tiu libro estas nova perlo el la Nederlanda literaturo, ĝis nun ne sufiĉe multe reprezentita en la Esperanta librotrezoro. Tre zorga eldono de la verko pliagrabligas ĝian legadon.

ESPERANTO-BRIEFWESCHSEL FUR DEN KAUFMANN, de Max Butin kaj Friedrich Jahn. Eldonita de Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, G. m. b. H. Berlin & Dresden 1923. 52 paĝoj: 12,5 x 18,5 cm.; prezo: Sv. Fr. 0.80. Kolekto de 31 zorge elektitaj modeloj de komercaj leteroj en Esperanto, kun traduko en germana lingvo. Tre praktika libreto por ĉiu, kiu bezonas nian lingvon por komercaj celoj.

ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA; eldonita de «Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. 1923.

N-oj 20-31. SUB LA NEĜO, de J. J. Porchat. (Verko kronita de la Franca Akademio). Esperantigis J. Borel. 2a Eldono. 120 paĝoj: 9,5 x 14 cm. Prezo 0.90 svisaj Fr.

N-o 32. — LA AMKONKURANTOJ, triakta komedio originale verkita de Reinhold Schmidt. 2a eldono. 48 paĝoj: 9.5 x 14 cm. Prezo: 0.30 sv. Fr.

Reeldono de du bonegaj libroj, jam konataj de la esperantistoj.

LE TRADUCTEUR DE POSTE INTERNATIONAL. — Quatrième édition, adoptée au service international et vérifiée par des bureaux de poste étrangers, par S. Gaertwagen, official supérieur des postes. Krakow (Pologne). 1923. 96 paĝoj: 12 x 18,5 cm. Prezo: Fr. 6. Enhavas en 11 lingvoj, inter kiuj Esperanto, liston de plej ofte uzataj esprimoj en la Poŝta kaj Telegrafa servoj.

MILIONOJ KIUJ NUN VIVAS NENIAM MORTOS! — Eldonita de la « International Bible Students Association », Brooklyn, New-York U. S. A. 1920. 80 paĝoj: 12 x 18 cm. 35 Am. cendojn. Ampleksa broŝuro kun klarigoj kaj interpretado de Bibliaj tekstoj. La Esperanta lingvo uzata estas simpla kaj bona.

JARLIBRO DE JAPANA ESPERANTA-INSTITUTO. 1923. 52 paĝoj: 15,5 x 22 cm. Eldonita de la Japana Esperanto-Instituto, Uŝigome, Tokio. Prezo: nemontrita. Belaspekta libreto, enhavanta plejgrandparte en Japana lingvo ĉiajn informojn pri la organizo de nia movado en la tuta mondo kaj precipe en Japanujo.

DEMANDARO, pri la historio, literaturo kaj organizaĵoj de Esperanto de R. De Landevèze, por Esperantaj Ekzamenoj. Reviziita kaj komplegita de Prof. Dro Göhl, Eldonita de Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. M. B. H. Berlin kaj Dresden. 1923. 112 paĝoj: 11 x 16 cm. Prezo: 1,30 Sv. Fr.Ni salutas kun plezuro la reaperon de tiu bonega dokumento pri nia lingvo kaj ĝia historio. Tiun broŝuron altvaloron devus certe posedi ĉiu profesoro aŭ propagandisto de Esperanto. Ĝi estas la plej bona gvidilo por ĉiu serioza Esperantisto.

ESPERANTO HAND-WOERTERBRUCH, de Bennemann.Ia Parto: Esperanto-Deutsch. Eldonita de Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig. 1923; Esperanto-Abteilung. 176 paĝoj. 12 x 17 cm. Prezo: Fr. 15. Kunigante la 4295 oficialaj radikvortojn kun pli ol 2000 neoficialaj vortoj kaj diversaj, el ambaŭ vortgrupoj, devenaĵoj kaj kunmetaĵoj tiu nova vortaro enhavas proksimume 20.000 Esperantajn vortojn. Dank'al diversaj specialaj signoj la aŭtoro antingis la de li celitajn kondiĉojn de bona poŝvortaro; riĉecon de la vortrezoro, fidindecon de la materialo, klarecon de la signifoj, praktikan ordigon. La nomo de la eldoninta firmo certigas pri bela aspekto de la libro.

DEZIRAS KORESPONDI :

Josefo Krausz, felso malom str. 18, Pécs (Hungarujo).
Jan Grzesiak, Izkota Lotuikow, Bydgoscz (Polujo).
Stefan Block, Anczewshut, 7, Cvovo (Lwow).
J. Polisiakiewicz, Internato, ul. Wolnanska 253, Lodz, (Polujo).
Adolfo Szezerba, Przykopa 13, Cieszyn (Pola Slezio).
I. Burakiski, Niemeka ul d. 29/33, Wilno (Polujo).
Adolf Sturmayr, Aubach a/Donaŭ (Austrujo).
Erwin Altenburger, Haydnstr., 10, Salzburg (Austrujo).
Robert Eckert, Stiftgasse 8, Wien VII (Austrujo).
Karl Menhard Schlosser, Bundesbahnwerkstätte, Salzburg-Itzling (Austrujo).